


# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXI - Nº 256 MARZO-ABRIL 1983


# «ZARAGOZA, NIA NUNJARA KONGRESURBO»

**Nacia Parko Ordesa, vizitota dum la ekskurso**

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Directora: María Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Dos de Mayo, 4 - VALLADOLID-4

REDACTOR-JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

Giordano Moyá
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora y Arana
Pedro Nuez
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Aduriz

## ENHAVO

Paĝo



**UTILAJ ADRESOJ**

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Apartado, 119
VALLADOLID

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Maria Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Av. Vicente Mortes
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

José González Suárez
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj

Cuenta Postal 3.118.078

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO SERVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
ZARAGOZA-1

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127, portal 7, 2º Iz
Tfno: (942) 339487
C. Postal: 03548531
SANTANDER

H.E.J.S.

Atocha, 98, 4º
Tfno: (91) 2308798
MADRID-12

# BAZILIKO NIA SINJORINO PILAR



Antaŭaj al la nuna konstruaĵo, estis aliaj dum diversaj epokoj, el kiuj ankoraŭ oni konservas fragmentojn aŭ verkojn kiujn mi poste komentarios. La templo de Nia Sinjorino Pilar, estas hodiaŭ, baroka konstruaĵo kiel rezulto de sinsekva interveno de pluraj aŭtoroj, malgraŭ tio oni atingis surprizigan unuecon en ĝia tuto. La unuaj laboroj komenciĝis dum la somero de la jaro 1681-a, laŭ desegnoj kaj skizoj de Felipe Sánchez, ne grave modifitaj de Francisco de Herrera. Je la duono de la 18-a jarcento, —jam tre progresinta la ĝenerala konstruado—, oni komencis la Sanktan Kapelon kaj dekoraciis la volbojn.

Por konstrui la Sanktan Kapelon venis al Zaragoza ekde la kortegurbo en la jaro 1750-a Ventura Rodríguez, kiu samtempe faris ŝanĝojn en la templodekoracio kaj preparis serion da projektoj por kelkaj partoj ankoraŭ ne finitaj de la Baziliko. La Sankta Kapelo, konstruita inter 1754-a kaj 1765-a prezentas strukturon tre similan al la itala baroko, realigita per noblaj materialoj: bronzo, jaspo kaj marmoro. La konstruo estis gvidata de la zaragozana skulptisto José Ramírez, aŭtoro de la skulptaj ensembloj: Veno de Sankta María Virgulino kaj la Konvertiĝintoj. Tiu belega ensemblo estas ĉefa verko de la 18-a jarcento.

Kvankam estas kelkaj postaj, la freŝdekoracioj de la plej gravaj volboj estas faritaj dum tiuj jaroj de la 18-a jarcento. Oni pentris tiujn kiuj kovras kaj ĉirkaŭas la Sanktan Kapelon, laboro farita de elstaraj pentristoj. La dekoracio de tiu kupolo kiu kovras la Sanktan Kapelon estas de Antonio González, kaj reprezentas la temon pri la Veno de Santa María Virgulino kaj pri la starigo de la unua kapelo en ŝia honoro; ĝi sekvas la linion de la itala baroko. La kupoloj malpli grandaj kiuj ĉirkaŭas tiun, estis pentritaj de fratoj Francisco kaj Ramón Bayeu escepte de tiu, kiu estas antaŭ la kapeleto de Sankta Joaquin pentrita de Francisco de

Goya. Tiuj pentritaj de ambaŭ fratoj Bayeu, estas tre okulfrapaj, kaj simbolas temon rilatantajn la Virgulinon: Reĝino de Patriarkoj, Reĝino de ĉiuj Sanktuloj, Reĝino de ĉiuj Virgulinoj, Reĝino de ĉiuj Konfesantoj, kaj Reĝino de Profetoj.

Sed, sendube, el tiuj verkoj la plej gravaj apartenas al Francisco de Goya. La unuan li realigis sur la volbo de Koreto en la jaro 1.772-a kaj la temo estis Adoro de la nomo Dio, verko kiun li konceptis laŭ stilo de dekoracioj de roma baroko. Kelkajn jarojn poste, li pentris la cititan kupolon kun la temo Reĝino de Martiroj, kiun li finis ĉirkaŭ la jaro 1781-a. Ĝuste estas tiu ĉi verko kiu motivis tiom da malkonsento inter la kanonikaro kaj la pentristo, tiamaniere ke Goya definitive forlasis kunlabori en tiu templo fininte la pendoskulptaĵojn de tiu kupolo simbolantajn la Fortecon, la Paciencon, la Karitaton kaj la Fidon. En tiu belega ensemblo oni povas percepti la influon de Tiépolo pri koncepto de verko kiel malferma strukturo, kaj la stilo de Goya jam aperas tute difinita.

En la aktuala templo oni konservas interesajn verkojn el antaŭaj konstruaĵoj de tiu ĉi baziliko: El la romanika konstruaĵo, oni konservas malgrandan timpanon kun krismo, inkrustita en la ekstera muro de la bazilika placo. El la templo gotiko-mudehara antaŭa al la nuna, oni konservas du tre gravajn verkojn: Unu el tiuj estas la ĉefaltaro, verko de la valenciano Damián Forment, kiun oni kontraktis en la jaro 1509-a, farita el alabastro kun malgrandaj polikromieroj, daŭre restas ankoraŭ kiel ĝi estis, nun kiel ĉefretablo de Katedralo Seo. Kun gotikoska strukturo, reliefoj kaj scenoj ĝi estas renesanco stila. En la centro de tiu retablo oni reprezentas la naskiĝon de María, ĉieliron de María kaj Prezenton de Infano Jesuo en la templo. Sur la predelo, malsupre, oni reprezentas ankaŭ scenojn pri la vivo de Virgulino María, kaj sub ĝi serion de motivoj dekoraciaj, laŭ renesanca karaktero, kaj portretojn de la skulptisto kaj lia edzino.

La alia verko kiun oni konservas de la antaŭa templo estas la belega horejo renesanca, tajlita el flandra kverko kaj realigita inter 1.544-a kaj 1.548-a de navarano Esteban Obray, de firenzano Juan Moreto kaj de la zaragozano Nicolás Lobato.

La skulptaĵo Nia Sinjorino Pilar, estas verko proksimume de la 14-a jarcento, de borgonia stilo de delikata kaj alta kvalito. Tamen la kolono kiu ĝin subtenas devenas de la epoko kiun oni konsideras samtempa je la Veno de la Virgulino, ĉar la speco de ĝia marmoro kaj tajlo-sistemo povas deveni de zono del'orienta mediteraneo dum romia epoko.

Kontrastas la nediskutebla kategorio de tiuj verkoj kiujn ni aludis, kun tiuj kvalite malsamaj de la kapeletoj, la plimulto el ili de la 19-a jarcento. Inter tiuj ĉiuj ni devas elstarigi tiun Sanktan Johanon Baptiston aŭ Sanktan Kriston, interesan ensemblon el la duono de la 18-a jarcento; la skulptaĵo Kristo Krucumita de la 16-a jarcento. La kapelo de Sankta Antono estas efekta baroka ensemblo, kun menciinda marmora retablo de itala stilo kaj skulptajoj de José Ramírez. Tiu de Sankta Rozario

havas elegantan Herreran retablon. Inter la kapeletoj post la horejo estas menciindaj tiuj de la Virgulino de l'Espero kun tenebreca pentraĵo, kaj la apuda, kun alia pentraĵo manierisma kiu reprezentas «Ecco Homo»-n de la 16-a jarcento, kvankam oni ĝin atribuas al Potenciano, disĉiplo de Tiziano. Supre de tiu, estas figuro de la «Vizitado» de stilo hispana-flandra de la 16-a jarcento.

La reala elkonstruado de tiu ĉi templo estas ĵusa, ĉar la du lastajn turojn oni konstruis nur antaŭ dekvino de jaroj. La rezulto de tiuj sinsekvaj konstruoj estas tiu silueto plurkupola kiu donas al ĝi orientecan stilon.

La lasta kontribuo al tiu templo estas, la monumenta ŝtona retablo kiu reprezentas la Virgulinon kaj la Konvertiĝintojn, verko de la skulptisto Pablo Serrano, lokita ekstere inter ambaŭ pordoj en la jaro 1969-a, kiu donas certan modernecan stilon al tiu verko, kiun daŭre oni prilaboris sekvante barokeman linion.

La belegan ensemblon de artverkoj: pentraĵoj, juvelaro, k.t.p. kiujn posedas tiu ĉi templo, oni gardas kaj ekspozicias en ambaŭ sakristioj.

**María Isabel Oliván**

# Cuentas de Tesorería de la Federación Española de Esperanto 1982.

## INGRESOS

| | | |
|---|---|---|
| Sobrante del año 1981 | 130.984 | |
| Cuotas de socios | 298.829 | |
| Donativos | 30.877 | |
| Beneficio del Congreso de Murcia | 7.238 | |
| Aportación del Simposio sobre Deporte | 8.000 | |
| Derechos de exámenes | 3.300 | |
| Venta de material | 9.950 | |
| Entregado por Libroservo (1982) | 40.000 | 529.178 |

## GASTOS

| | | |
|---|---|---|
| Correo, oficina y reembolsos | 21.655 | |
| Renta de local y servicios | 18.000 | |
| Material de divulgación | 17.311 | |
| Cuota a U. E. A. 1982 | 13.930 | |
| Ayuda a Sección Juvenil | 4.000 | |
| Ayuda a I. L. E. I. | 3.000 | |
| Imprenta y edición Boletín | 426.874 | |
| Varios | 6.749 | |
| Saldo a cuenta nueva | 17.659 | 529.178 |

Valladolid, 31 de diciembre 1982

Vº Bº
M. Rafaela Urueña
(Presidenta de la F. E. E.)

Carmen Conde
(Tesorera)

# Du esperantistinoj el Vigo en Japanio



**Elvira kaj Konĉa kun japanaj samideaninoj.**

Mi eklernis Esperanton antaŭ 10 jaroj kun celo povi vojaĝi tra Japanio kaj paroli kun la tieaj homoj. Pri tiu lando mi multe revis, kaj mi sciis ke mian celon mi ne povus efektivigi, krom nur pere de lingvo internacia kaj simpla, kia estas Esperanto, ĉar mi ja volis sperti pri kutimoj, vivosano, personaj kontaktoj k.s., kaj ne volis kunrilati per nura turismado.

Mia amikino ekrilatis al Esperanto pere de mi, antaŭ du jaroj, okaze de kunvojaĝo tra Eŭropo dum kiu ni kontaktis aliajn esperantistojn el pluraj landoj. La travivaĵo de ni spertita estis tiel bela, ke ĝi decidigis ŝin daŭre resti en tiu ĉi granda esperantista familio.

Nia vojaĝo, kiu daŭris la tutan monaton Oktobro, komenciĝis en Tajlando, kie ni kontaktis du esperantistojn, la sinjorojn Chang Yeong kaj Marcel Perray, kiuj akompanis nin tra Bangkok. Ni poste iris al Hong Kong, kie du aliaj esperantistoj, la sinjoroj Lee Yuen Mouw kaj Lee Teck, rilatis al ni same ĝentile kiel la tajlandaj amikoj (Pri la adreso de tiuj samideanoj informis nin la Japana Esperanto-Instituto, kiun ni kontaktis de Hispanio por la aranĝo de nia vojaĝo). Tiu ĉi unua vojaĝoparto daŭris du semajnojn; la aliajn du ni pasigis en Japanio.

Ni fine atingis Tokion, kie la esperantistoj aranĝis por ni mirindan vojaĝo-programon. Ĉefe komplezis nin s-ro Suzuki, kiu konstante zorgis pri ni, ĉar li bone sciis pri la malfacileco por interparolado kaj por irado de unu loko al alia kaj tio, ne nur per la japana lingvo (de ni nekonata), sed ankaŭ pere de la angla (kiu preskaŭ

neniel taŭgis, malgraŭ ties renomo pri plej internacia lingvo), ĉar la japanoj uzar nur siajn proprajn skribo-signalojn, k.t.p.

Ni vizitis kaj kontaktis la Esperanto-grupojn de la urboj Tokio, Nikko, Kamakura, Jokohama, Odawara, Hakone, Sizuoka kaj Nagoya. En tiu ĉi urbo mi persone konatiĝis kun esperantisto post naŭ jaroj da korespondado kun li, kaj kiu akompanis nin dum la tri tagoj kiujn daŭris nia vizito al lia urbo. Ni poste veturis al Kjoto, Osaka, Suita kaj Nara.

La sperto travivita dum tiuj dek kvin tagoj estis vere mirinda, ĉar la afableco, ĝentileco, alta socia nivelo kaj senafekteco de la japanoj manifestiĝis en ĉiu persono kun kiu ni konatiĝis.

Ni tiel havis okazon konstati la altan kulturan nivelon de la japanoj, ilian altiran personecon, ilian manieron de vivado (tiom malsaman al tiu de nia okcidenta mondo, kaj de kiu ni devus ĉerpi multon da instruoj). Al iliaj kutimoj ni tuj adaptiĝis, ne sentante iuokaze la malproksimon kiu geografie nin disigas. Ni restas tre dankaj al la japana esperantistaro.

Tiu ĉi malgrada noto pri nia vojaĝo celas tiujn esperanto-komencantojn kiuj, junaj kiel ni (29-34 jaraj), ricevu pere de ĝi instigon daŭrigi tion kion ili libere komencis, kaj ne lasu sin influi de homoj kiuj ne komprenas la atingpovon de universala interkompreniĝo pere de la lingvo.

**María Elvira kaj Konĉa**

# Notas de interés para todos los federados

Como ya se anunció en el anterior número de BOLETIN, la dirección a la que se debe dirigir toda la correspondencia es FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Apartado 119, VALLADOLID. Rogamos tomen buena nota de esta dirección, ya que la anterior queda sin validez.

Todos los socios protectores y vitalicios de la Federación recibirán un ejemplar de «La Instruado de Esperanto» editado por la Sección Española de I. L. E. I. como agradecimiento a su colaboración.

Números de BOLETIN, editados en Valladolid, se remitirán gratis a quienes estando al corriente del pago de sus cuotas lo hayan recibido defectuosos o no lo hayan recibido.

Todos los socios han recibido en el momento oportuno el Directorio de Miembros de la Federación. Si alguno no lo hubiera recibido puede solicitarlo a la Federación.

Durante el Congreso de Esperanto a celebrar en Zaragoza tendrán lugar dos seminarios, uno sobre Información y otro sobre «Centenario de Esperanto». No olvidéis enviar vuestras colaboraciones, en esperanto, con una extensión no superior a 10 folios escritos a máquina y a doble espacio.

# INFORMO PRI INTERKOMPUTO-82

## (Budapeŝto, 27-Dec-82, 2-Jan-83)

La resumon de niaj impresoj pri INTERKOMPUTO-82 ni prezentis jene okaze de prelego kiun por siaj anoj petis de ni la «Lingvistika Klubo de La Coruña»: «Vi ĉiuj estas Profesiuloj pri fremdaj lingvoj, kaj perlaboras vian ĉiutagan panon ĝuste per tiaj viaj konoj. Nu, ni fiere asertas ke malgraŭ tiuj konoj, malmultaj el vi (se entute eĉ nur unu) iam ajn povis aŭ povos ie ajn ĝui tiom abundan, riĉan, senperan kaj internacian vivon, kiom ni ĵus travivis en Budapeŝto —kio, siavice, estis simpla kondensigo dum kelkaj tagoj de la ĉiutaga internacia vivo de esperantistoj».

Fakte, ni neniel troigis per tia nia fiera aserto antaŭ ne-esperantistoj! Jen:

Sub patroneco de UNESCO, IFIP (Internacia Komputoscienca Societo), kaj kun agnosko de Monda Telekomunika Unio, la hungara Komputoscienca Asocio Johano Neumann organizis la Simpozion «INTERKOMPUTO-82». Al ĝi aliĝis 160 fakuloj el dudeko da landoj (kiuj sin dediĉadu al faka laboro) plus multaj akompanantoj kaj familianoj (kiuj ĉefe frandu la kulturajn aranĝojn por ili muntitajn). Kompreneble, por ĉiu ero (prelegoj, kolokvoj, publikigo, ĉiĉeronado, ktp., ktp), la sole uzata kaj oficiala lingvo estis Esperanto.

Kaj, aldone, Hungara Esperanto-Asocio organizis por la jarfino sian «Vintra Esperanto-Ferio», kiun partoprenis ne nur hungaroj kaj la simpozianoj, sed ankaŭ multhomaj grupoj gastaj el Bulgario, Pollando kaj Italio.

Vi, tial, komprenas ke dum tiuj tagoj ni, la feliĉaj partoprenantoj, troviĝis en medio en kiu plurcenta parolantaro plenigis per Esperanto la ĉambrojn kaj aeron, tiel ke la lingvo zumis ĉiuhore en niaj oreloj.



**Niaj raportantoj ĉe neĝbulo, kun la knabo Lucca Pennachietti.**

Temis, do, pri vere ĝuinda kaj ĝuata okazo, vere grava fakto kaj ekzemplo tiel por scienca laboro kiel por amikiĝado, konatiĝo, amuzo, arto, plikleriĝo; eĉ por petolado kun esperantistaj geknaboj.

Ĉar ni estis la solaj hispanoj tie partoprenantaj, permesu ke ni iom skizu la plej gravajn erojn. Ni komencos ĉe la faka aspekto.

La kerno de la Simpozio konsistis el ¡cento! da prelegoj, aperintaj libroforme (ses volumoj kun pli ol mil tajpitaj paĝoj; baldaŭ aperos sepa volumo). La plejparto, verkitaj de Esperantistoj rekte en Esperanto por laSimpozio; kelkaj, tradukitaj esperanten se la aŭtoro ne scipovis Esperanton (tamen, ĉiukaze temis pri originaloj por la Simpozio). Evidentas ke ĉiu el ni devis fari selekton, ĉar neniu povus ĉion ĉeesti. Por ni plej gravis la prelegoj pri aŭtomata traduko, pri sintezo de la homa voĉo per komputiloj (t.e., pri maŝinoj kiuj laŭte legas tajpitan tekston), pri manipulado de maŝinoj pere de natura lingvo anstataŭ pere de la nunaj

kodoj kaj komplikaj «lingvaj» teknikoj, traktado de la ĉina lingvo (la ĉina aŭtoro asertas en sia skribaĵo ke Esperanto multflanke similas la ĉinan lingvon - kion vi paraleligu al similaj asertoj de Claude Piron), pri matematika terminologio. (Ni devas rezigni listigi aliajn erojn simpoziajn: edukado, kalkulado, administrado, ktp., ktp).

Gravas informi, ke en la kadro de la Simpozio okazis komerca ekspozicío pri komputiloj, en kiu ni ricevis informojn kaj propagandon parolajn kaj skribajn en Esperanto, kaj en kiu eblis al ni manipuli plurajn tiajn maŝinojn, helpe de instrukcioj kiujn esperantlingve donis al ni la deĵorantoj, ktp.

Nu, kontraŭvole ni lasu la fakan aspekton, por veni al aliaj eroj. Jam antaŭ ĉio ni diru, ke ni ankoraŭ miras pri tia abundo, varieco kaj alta nivelo. Ĉar... ¡diable!, de kíe la hungaroj ĉerpas tiom da talentaj homoj? (Ja la respondo estas evidenta: De Hungario, kompreneble. Tamen: ĉu vere la averaĝa hungara kultura vivo estas tiel altnivela?).

Teatra Grupo, talentaj kantistoj, Scienca Rondo Esperantistaj Studentoj, instruado de Esperanto je universitata nivelo, Scienca Eldona Centro, Fervojistoj, ktp., ktp. Evidentas, ke Hungario alte plu tenas la torĉon pri esperantismo, post Kalocsay kaj aliaj gigantoj. Tia konstato estas por ni ĝojo, dank-okazo... kaj enviindaĵo!

Parenteze: La kerno de la teatraĵeto kiun oni prezentis al ni konsistis el varianto de tiu t.n. «paradokso de la mensogulo», fama problemo en logiko-scienco. Ĉu tio okazis hazarde, aŭ temis pri humura kontribuaĵo al la Simpozio? (Ĉar certe temas pri kurioza kaj ĝeneralinteresa problemeto, ni prezentas ĝin al vi en alia angulo de «Boletín»).

Tia alta nivelo de la hungara esperantismo respeguliĝas kaj ŝprucas ĉiuloke. Ĉar ne eblas mencii ĉiujn okazojn en kiuj ĝi konstateblas, ĉar ne eblas mencii ĉiujn nomojn, ni nur danku ree tie ĉi la klerajn kaj homajn deĵorantojn de Libroservo; la kleran, spritan, altnivelan ĉiĉeronadon (far hungara profesoro pri latina lingvo) kiun ni ĝuis dum vizitado tra Budapeŝto, ktp., ktp.

Kompreneble, ni ankaŭ riĉiĝis per la abunde profitata ebleco paroli kun multaj homoj el tiom da landoj. Kaj, ja ne nur pri scienco, sed ankaŭ pri filozofio, politiko, literaturo, problemoj de gastlaboristoj' (laŭ la germana terminologio; ni, hispanoj, parolas pri «elmigrintaj laboristoj»); ankaŭ pri infanoj, hejma vivo, reciproka gastigado, ktp. (Tiu vigla, ŝercema Smoliĉ, ĉiam preta helpi al vi kaj vivi Esperanton eĉ pli intense ol vi;gesinjoroj Schulz, Frank, Pennachietti, Fischer, kaj d-roj Haszpra, Broczkó, Koutny, Felso, ktp.). Kaj ja ni tute ne povus silenti pri la ebleco kiun ni ĝuis, povi petoli kun tiuj ĉarmaj geknaboj, fluaj esperanto-parolantoj: gefratoj Frank, gefratoj Pennachietti, la juna violonisto kaj mokema desegnisto Kim...

Ni supozas nun, ke vi deziras ke ni iom parolu al vi pri Budapeŝto kaj pri Hungario, pri arkitekturo, pentroarto, kuirarto... Nu, ja tio ne eblas. Prave la esperantlingvaj broŝuroj asertas, ke «Budapeŝton nur unufoje viziti ne sufiĉas»: krome, ja Hungario ne konsistas nur el ĉefurbo. Vi konsideru, krome, ke ni preskaŭ nenion povis trarigardi, ĉar preskaŭ nia tuta tempo estis okupita je laboro. Ĉu entute unu monato sufiĉus por akiri sufiĉan konon pri Hungario? Ja nia preterpaso ĉe dekoj kaj centoj da belaj, gravaj lokoj; preĝejoj, panoramoj, ĉiuspecaj vidindaĵoj estis nur fluga paŝo; kaj tiu flugeco kontribuis eble al la sento kiun ni gardas pri surprizo kaj ravo pri tiom da neatenditaj, nesupozitaj riĉaĵoj kaj belaĵoj, pri kondensaĵoj el historio.

Kaj ĉar la tuja Universala Esperanto-Kongreso okazos ankaŭ en Budapeŝto, jen sugesto: Mem tien iru, kaj

mem konstatu, spertu. Ni certas, ke vi sentos vin tiel mirigitaj kaj surprizitaj kiel ni. Kaj kiam vi tie vizitos —kion ni ankaŭ faris— la restoracion «Apostolok» aŭ alian similan por frandi la hungaran kuirarton (incite spicitan; bele, ne ekscese spicitan), tostu kun ni se ni tie ree troviĝos, aŭ tion faru je nia sano kaj feliĉo se ni tie ne troviĝos kun vi. (Nur unu rimarkon: Ankaŭ dum la UK vi povos ĝoji en tiuj mirindaj termalaj naĝ-basenoj Budapeŝtaj, sub la libera aero, kaj ĉirkaŭite de artaj konstruaĵoj; tamen, ĉar somere tiam kaj ne plu vintre, vi ne povos frandi la plezuron petoli kaj naĝi en varma akvo, dum samtemple negeroj falas sur vian kapon!).

Nu, ni devas tranĉi ĉi tie nian informon. Ni supozas, ke vi konsentas ke Interkomputo-82 kaj la Vintra Esperanto-Ferio estis indaj travivaĵoj. Tial, ¡dankon, Interkomputo, kaj eĉ pli brilan sukceson al vi en viaj estontaj reeldonoj! ¡Dankon, hungara samideanaro; ĝis kiel eble plej baldaŭa revido!

* * *

Permesu nun ke, komplemente, ni skizu la erojn de nia faka partopreno en INTERKOMPUTO:

1) La hispano Luis de Sopeña verkis por INTERKOMPUTO, hispanlingve, artikolon «La komunikado homo-maŝino; natura lingvo por demandado al datum-bazoj». Ni ĝin tradukis esperanten, kaj parole ĝin prezentis al la Simpozio (ĝi aperis ankaŭ publikigite en la aktoj). Ĝi vekis specialan intereson ĉe po unu polo, ruso kaj hungaro, ĉar temas pri grava paŝo antaŭen en tiu fako; tiuj aŭskultantoj petis de mi pliajn detalojn, kaj skribos al la aŭtoro por pli profunda traktado de la temo.

2) En la simpozio prezentis artikolon la usona profesoro Bruce A. Sherwood pri «Sintezado de la homa parolo» (t.e., pri komputiloj kiuj kapablas laŭte kaj homvoĉe legi tajpitajn tekstojn), plus sonbendon lian, en kiu li prezentas specimenojn pri legoj en esperanto, hispana, itala, angla kaj ĉina far unu maŝino kies internaĵo estas preparita por **angla fonetiko**. Nu, dum la kolokvo ni prezentis la rezultojn de eta provo kiun ni estis farintaj en Santiago de Compostela ĝuste pri tiu sama sonbendo (aĉetebla ĉe la Libroservo de UEA): Ni aŭdigis la sonbendon al entute 15 homoj, poliglotoj el pluraj nacioj (hispanoj, angloj, usonanoj, portorikano, italo, arabo), kaj la rezultoj estis unuanimaj; nome, ke tia angla estis tute nekomprenebla al usonanoj kaj angloj —des pli al la aliaj homoj—; tamen, ili **ĉiuj** bone komprenis la hispanan (kaj ni, eĉ pli bone la esperantan ol la hispanan). (En letero kiun mi ĵus ricevis de li, prof. Sherwood konsentas pri la praveco de tiuj rezultoj).

El kio trudiĝas grava konkludo: Ja eblas munti maŝinon kaj/aŭ programon por ĝi, kiuj bone sukcesu ankaŭ por la angla. Sed, ĉiukaze, temus pri pli komplika kaj pli kosta maŝino kaj/aŭ programo. Nu, ¡tute same okazas al tiu alia maŝino, kiu estas la homa cerbo! (Ja por ni, esperantistoj, tia rezulto alportas nenion fakte nova; nur, ke de nun ni disponas plian argumenton; Ĉi-foje, krome, temas pri «objektiva, maŝina» argumento; kio eble estas pli grava (?) argumento por difinitaj mensoj, ol la propra, homa atento al la faktoj ĉe si mem kaj ĉe aliaj homoj.

3) Ekster la programo de Interkomputo, ni prezentis projekton pri sufiĉe komplika kaj ambicia plano. Nome: Pri «Preŭniversitata Esperanto-Kurso pri Matematiko, Fiziko, Kemio». Ĝi meritis principan aprobon kaj promeson pri kunlaborado de pluraj simpozianoj kaj sciencaj institucioj kiuj uzas Esperanton.

Pri tiu Kurso «Boletín» paŝo post paŝo informos oportune. Ni nun diru nur ke ni antaŭvidas ties malvolvon en kvar fazoj: verkado, kompostado,

eldonado kaj fakta uzado por instruo; kaj ni diru ankaŭ, ke ni ĝin deziras kaj esperas ne nur science rigora kaj utila, sed ankaŭ kun la ecoj montriĝi internacia, interkultura kaj humanisma.

4) Ni bedaŭras, ke ni ne povis ĉeesti la prelegon «Algoritmo por alĝustigi al punktaro kurbon kun pli ol du parametroj, laŭ minimumaj kvadratoj», far Luis Guillermo Restrepo, inĝeniero el Kolombio.

(La kvar ĵusaj eroj konsistigas la kontribuon de hispanlingvaj landoj al INTERKOMPUTO).

En la adiaŭa vespero de INTERKOMPUTO ni havis la okazon abunde paroli angle kaj france kun gravaj homoj kiuj, ne scipovantaj Esperanton, venis oficiale saluti la simpozion en la nomo de la respektivaj institucioj (ili estis la solaj, kiuj bezonis interpretiston!). Ni insiste petis de ili, ke en la informoj kiujn ili devas verki por siaj institucioj kaj superuloj, ili plenumu ankaŭ la devon raporti ne nur pri ĝentilaĵoj, sed ankaŭ pri la eksplicita kaj oficiala agnosko pri tio, ke ni esperantistoj solvas la lingvan problemon multe pli facile, homece, rapide, efike kaj etkoste ol ili; kaj ke tiuj institucioj pri tio oficiale informu pri tiu fakto la ĝeneralan publikon, la tutan mondon.—Ja ili ne povis kaj/aŭ ne kuraĝis promesi ke ili tiel agos. SED TIO ESTAS TAMEN ILIA DEVO; JA ANKAŬ PRI TIA TASKO DE FIDELAJ ATESTANTOJ NI PAGAS ILIN.

**Geedzoj Antono Alonso Núñez**
**Concepción Menlle Fernández**

---

# LA PARADOKSO DE LA MENSOGULO.

Ni supozu, ke homo diras al vi: «Ĉio, kion mi diras, estas mensogo».

Nu, jen paradokso: Se temas pri homo verama, jen li ĵus diris mensogon; kaj se temas pri mensogulo, jen li ĵus diris veron. Kion vi pensus ĉe tia diro al vi?

* * *

Nun, jen la varianto de tiu paradokso, kiun oni prezentis al ni en la teatraĵeto en Budapeŝto:

Ni supozu ke iu homo estas freneza, se kaj nur se li fiksa-idee pensas kaj opinias vera aserton, kiu fakte estas malvera.

Nu: kíon pensi pri la homo havanta la fiksan ideon, ke li estas freneza? Ĉar: se lia fiksa ideo estas vera, jen li **ne** estas freneza; kaj se ĝi estas malvera, li **jes** estas freneza! (La teatraĵo estis des pli amuza, ke temis pri kuracisto kiu pensis sin freneza).

* * *

De tiu fama logika paradokso ekzistas multaj variantoj. Ĉu vi konas pliajn? Krome: ĉu vi konas la solvon kiun logikon trovis por tiuj ŝajnaj kontraŭdiraĵoj interne de la frazo?

La solvon ni prezentos al vi, se ĝin vi ne jam konas, en alia numero de Boletín. Ni nur anticipe diru, ke temas pri tre, tre simpla solvo; Tiel simpla ĝi estas, ke ĝi seniluziigas multajn homojn, kiuj pro estetikaj kaŭzoj dezirus kaj esperas ricevi belan, surprizan kaj spritan klarigon; ĉikaze, logiko ne koincidas kun tio, kion ni ordinare konceptas beleco kaj spriteco.

# Niaj Grupoj

## SABADELL

De post la jaro 1979 kiam la lokaj aŭtoritatuloj redonis la nomon de «D-ro Zamenhof» al tiu fama Avenuo kiu en 1912 fariĝis la unua strato en la mondo kun la nomo de la aŭtoro de Esperanto, la lokaj esperantistoj ĉiujare festas la naskiĝdatrevenon de D-ro Zamenhof sur la sama Avenuo, kio fariĝis bela tradicio, ne nur por la gesamideanoj, sed ankaŭ por multaj sabadellanoj, ĉefe por tiuj kiuj loĝas en la sama Avenuo.

La ĉiujaran Feston de Esperanto ni dediĉas krome al difinita temo, laŭeble kun rilato al la rekomendoj de UNESKO aŭ UN kaj ĉi-jare ni elektis la temon: Monda Komunika Jaro, reage al la alvoko de UEA pri kunlaboro.

Kun la celo popularigi la Feston ni invitis kelkajn lokajn societojn, neesperantistajn; aktive partoprenis en la aranĝoj: Unuiĝo de Komercistoj de Avenuo Zamenhof, Amatora Radio-Klubo kaj Porinfana Grupo ĉe najbara kvartalo.

La Festo komenciĝis je la deka matene kun distribuo de senpaga matenmanĝo al ĉiuj infanoj kaj tuj poste aktivaj ludoj por ili kun interesaj premioj por ĉiuj partoprenantoj.

Je la sama horo ekfunkciis speciala amatora radiostacio en Esperanto, sub la gvido de la barcelona amika samideano Rafael Ayala kiu sukcesis kapti preskaŭ 30 internaciajn kontaktojn ĉefe eŭropajn, sed ankaŭ el Siberio kaj Brazilo.

Prezentiĝis budo kun pluraj eksterlandaj ĵurnaloj kaj alia kun diversaj komunik-aparatoj, ĝentile pruntedonitaj de Radio Sabadell kaj de la Poŝta kaj Telekomunika Oficejo loka-rekta reprezentanto ĉe ni de ITU —(Internacia Telekomunika Unio). Oni filmis la tuton per video-aparato kun tuj posta prezentado al la publiko surstrate. Elstaras la prezento de 20-panela ekspozicio, solene inaŭgurita fare de la kultura urbodoma konsilisto, kiu trafe montris la evoluon de la komunik-sistemoj kun speciala atentigo pri la grava rolo de Esperanto kiel tutmonda komunikilo.



**Arta aranĝo dum la Zamenhofa festo en Sabadell.**

Bone provizita Esperanta Libroservo komplezis ĉiujn ĉeestantajn gesamideanojn, lokajn kaj eksterlokajn.

Altkvalita, distriga spektaklo kronis la Feston kaj post rapida malmuntado de ĉiuj instalaĵoj surstrataj, la organizantoj kolektiĝis en loka restoracio por kune tagmanĝi, malstreĉiĝi kaj fantazii pri la venontjara Festo.

**Llibert Puig.**

## VALENCIA

La 12-an decembro, dimanĉe matene, ni surmetis laŭran kronon sur la memorplato de la strato Zamenhof, omaĝe al la Majstro. Dum tiu aranĝo oni kantis la unuan strofon de «La Espero». Je la dua vespere, en konata restoracio, en amika kaj agrabla etoso ni bankedis. En ambaŭ aranĝoj akompanis nin, kiel en antaŭaj jaroj, samideanoj de la grupo de Cheste.

La 15-an decembro, prelegis esperante tri elstaraj membroj de nia Grupo. Unue, s-ro Juan Bosch, Prezidanto de la Grupo, prelegis pri Ĉu estas proksima la fina venko de Esperanto? opiniante ke la ĉefa kondiĉo por tio estas ke la homo forigu sian egoismon kaj malamon, post tio venos tuj la enkonduko de Esperanto kiel internacia lingvo, simbolo de paco kaj amo inter la homoj.

Sekve, s-ro Felix Navarro, antaŭa prezidanto kaj aktiva esperantisto, prelegis pri «Aktualeco de la poemo «La Vojo» de Zamenhof», poemo kiu instigas nin ne perdi la fidon en la venko de Esperanto, daŭrigante nian laboron, propagandante al ĉiuj, ĉie kaj ĉiam.

Fine, nia estrarano kaj bibliotekanto, s-ro Pascual Pont prelegis pri «Tri gravaj esperantistoj: Hilda Dressen (verkistino), E. Lanti (fondinto de SAT) kaj Helmar Frank (kibernetikisto).

De la 26-a de decembro 1982-a ĝis la 5-a de januaro 1983-a okazis, en la Valencia Montrofoirejo, «Expo Jove 1982» (Foiro por la Junularo kaj la infanaro); kie la Valencia E-Grupo havis standon subvenciita de la urba konsilantaro.

Dum tiuj tagoj, grupo de valenciaj samideanoj, ĉefe junuloj, informis centojn da vizitantojn kaj disdonis pli ol kvin mil faldfoliojn pri Esperanto, eldonintajn de la Provinca Deputitaro.

En la stando elstaris bela muralo desegnita de s-ano F. Aliaga kun alegorio pri Esperanto. Ankaŭ troviĝis ekspozicio pri libroj kaj revuoj en Esperanto, afiŝoj pri pluraj kongresoj, mapo pri la etnaj lingvoj de Eŭropo, k.t.p.

La tago de la oficiala inaŭguro, s-ro Carlos N. Moya, Sekretario de la Grupo, donacis la libron «El Esperanto» de Pierre Janton al s-ro Joan Lerma, Prezidanto de la Generalitat de Valencia, kiu gaje akceptis kaj dankis ĝin.

Pri nia partopreno en la foiro, parolis la radiostacioj, kiuj i. a. faris al ni du intervjuojn, la unua al s-ro



**Carlos N. Moya, Sekretario de E-Grupo de Valencia donacas libron pri Esperanto al S-ro Joan Lerma, Prezidanto de la Generalitat Valencia.**

Isidro Rey, kiu estis intervjuata la unuan tagon fare de «Radio Popular FM», la alia estis farita al s-ro Carlos Moya, la 28-an de decembro fare de «Radio 80».

La lasta radiostacio, denove intervjuis al s-ro Carlos Moya, ĉi foje kun la usonano Dennis Keefe, la 13-an de januaro en la spaco «Para

empezar» (Por komenci) pri Esperanto kaj kie oni anoncis la komencon de novaj kursoj.

Post la vizito de tri estraranoj de la Grupo al la Konsilantejo pri Edukado kaj Kulturo de la Generalitat de Valencia oni sendos al pli ol tricent valenciaj popularaj bibliotekoj, laŭ mendo de la menciita konsilantaro, tri bazajn librojn por lerni Esperanton.

Laŭ informo aperinta en la valencia lingvo en la Nº 56 de B. I. M. (bulteno pri urba informado de la Valencia Municipo), de nun la diversaj turismaj broŝuroj eldonitaj de la Urba Konsilantaro en la diversaj lingvoj, estos eldonotaj en Esperanto, laŭ aprobo de la Kultura Komisiono, surbaze de propono prezentita de la urbkonsilanto pri Informado, s-ro Vicent Garcés.

**C. N. Moya Seguí**

## CORDOBA

Kiel rezulto de la aktivaĵoj de junulara grupo kaj kun la helpo de la Liceo «Séneca» aperis revueto «LA KORDOVA ESPERANTISTO» kun la celo kunigi la lokajn kaj andaluziajn esperantistojn. Se vi deziras ricevi ĝin sendu poŝtmarkon de 4 p-toj al Grupo de Esperanto IB «Séneca»; Avda. Menéndez Pidal, s. n., CORDOBA-4.

## VALLADOLID

Okaze de la Semajno de Internacia Amikeco, en la sidejo de «Fido kaj Espero» preligis esperantlingve S-no Angel Díez pri «La deveno de la Kastilia Lingvo»,, laŭ la historia vidpunkto, kaj S-ano Luis Hernández pri «La Universala Kongreso en Antverpeno». La aranĝoj finis per Meso en Esperanto kaj bankedo en centra restoracio.

## BARCELONA

STELO DE PACO, E-Sekcio de «La Cooperativa de Tejedores a Mano» preparis tre zorgeme kampanjon por E-Kursoj tra la urbo, danke ĉi tiun agadon, pli da 40 neesperantistoj kontaktis ĝin kaj oni organizis komence de februaro novan elementan E-Kurson.

Plie, kiel ĉiujare s-ro Tomás Alberich gvidos superan E-Kurson por la sukcesintoj de la antaŭaj jaroj.

* * *

«**La Flor de Maig**» pere de s-ano Josep Climent organizis festeton la tagon 15-an de Decembro honore al la kreinto de Esperanto d-ro L. L. Zamenhof. Ĉeestis en la evento pli da 45 personoj. Tiu aranĝo firmigis la ĵus komencitan E-Kurson.

«Radio Sant Adria Lliure» intervjuis s-non J. Climent la tagon 26-an de januaro. La babilado daŭris pli ol 30 minutoj kaj oni informis pri la historio de Esperanto kaj la nuna agado de niaj asocioj.

* * *

Esperanto Fako de «**Foment Martinec**» okazigis E-feston la tagon 17-an de decembro. Geesperantistoj kaj familianoj ĝoje kaj simpatie rememoris la 123-an datrevenon de L. L. Zamenhof. S-ro José Ferrer estrarano de la fako salutis la ĉeestantojn.

# TURNEO DE VESELIN DAMJANOV

Hispana Esperanto-Federacio organizis kun la helpo de iuj E-asocioj dum la pasinta januaro, turneon de eminenta baritono, bulgara s-ro V. Damjanov tra nia lando. Post liaj recitaloj kaj kontaktoj kun nia esperantistaro, li vizitis la entreprenon «Libreria Esperanto» kaj, la asocion Barcelona E-Centro kie li estis intervjuita.

R. Kiujn urbojn vi vizitis?

V.D. Mi kantis en la urboj: Zaragozo, Valladolid, Madrido, Barcelono, Sabadell kaj Vilanova i la Geltru, kaj mi planis mian turneon de Barcelono, pli precize ĉe la hejmo de fratoj Alberich kie mi restadis, dum la paŭzoj inter recitalo kaj recitalo.

R. El viaj recitaloj, kiun vi konsideras pli sukcesa?

V. D. Verdire ĉiuj estis treege sukcesaj, ĉar ĉiu estis tre bone organizita kaj la E-asocioj profitigis ĉiun okazon, por informi al la neesperantistoj kaj esperantistaro pri mia programo kaj Esperanto, pere de intervjuoj en ĵurnaloj, radioj kaj kontaktoj kun la aŭtoritatuloj de ĉiu vizitita urbo.

R. Ĉu pro kio vi kantas en Esperanto?

V. D. Ekde mia ellernado de Esperanto, mi konsideris ĝin tre tauga, tre perfekta por recitado kaj kantado, tiel do mi decidis unuigi la muzikon (la plej antikva internacia komunikilo) kaj la lingvon Esperanto (la plej moderna...) Tiamaniere oni povas disvastigi nian internacian lingvon ĉe la operaj muzikmedioj.

R. Dum viaj turneoj tra Eŭropo vi konis multajn E-Movadojn. Kiel fartas Esperanto?

V. D. Laŭ miaj spertoj mi konstatas ke en multaj eŭropaj landoj ekzistas tre bonaj kaj efikaj organizaĵoj kaj federacioj. Oni konstatas ke la proksimeco de la «100-jara datreveno de la E-libro» konsciigas al ĉiuj, gravecon kaj maturecon de Esperanto. Eble ankoraŭ mankas en iuj ajn landaj organizaĵoj pli da agresemo, agado ekster siaj esperantistaj rondoj. Nun multaj milionoj da personoj jam parolas la lingvon Esperanto, sed oni devas pripensi ke ankoraŭ ekzistas personoj kiuj dubas aŭ ne konas nian internacian lingvon.



**La bulgara baritono Veselin Damjanov.**

R. Ĉu vi povas informi nin pri lastaj novaĵoj pri via lando?

V. D. Kiel vi scias ĉe Bulgario ekzistas tre forta E-movado, eĉ ĉe sciencaj kaj registaraj medioj, sed mi dezíras informi vin pri lasta sukceso: la konstruo de granda restadejo nomita INTERNACIA ESPERANTO-KURSEJO en Pisanica.

Ĉiuj kiuj vizitis la KURSEJON en Pisanica surprizas trovi veran Esperanto-palacon kun tre moderna kaj luksaj ejoj kaj ĉambroj, kun bonaj lernokondiĉoj, aŭdvidan kabineton kun moderna ekipaĵo po 20 personoj. Alia novaĵo estas ke I. E-K funkcias tra la tuta jaro kaj ĝi situas meze la montaro je 1025 metroj. Tiel do, se vi estas interesataj skribu rekte: Internacia Esperanto-Kursejo, pk. 791.
BG-1090 Sofia, Bulgario.

Nur mi aldonas, ke ĉi kursejo estis planita kaj grandparte organizita de s-ano Jordan Jordanov, kiu ekde 1976 ĝis nun, laboris en sia oficejo por prizorgi la administrajn aferojn.

R. **Sinceran dankon pro via ĝentileco.**

# Resumen de cuentas de la Sección Editorial de la Federación Española de Esperanto 1982

**INGRESOS:**

| | |
|---|---|
| Saldo a favor en 31-12-1981 | 240,— pesetas |
| Por venta de material | 17.334,— pesetas |
| | 17.574,— pesetas |

**GASTOS:**

| | |
|---|---|
| Material según nota presentada | 10.250,— pesetas |
| Pago Inst. Nac. del Libro Español | 900,— pesetas |
| Correo, etc. | 2.898,— pesetas |
| | 14.048,— pesetas |

**RESUMEN:**

| | |
|---|---|
| Ingresado | 17.574,— pesetas |
| Gastado | 14.048,— pesetas |
| Saldo a favor | 3.526,— pesetas |

En este año la Sección Editorial de la Federación Española de Esperanto ha cancelado la cuenta especial motivada por la edición de la obra «XVIII-aj Internaciaj Floraj Ludoj». Finalizada de pagar la cantidad adeudada por dicha edición, los ejemplares restantes incrementarán el fondo de la Sección Editorial de F. E. E.

Zaragoza, 31 de diciembre de 1982
Inés Gastón

# Estado de cuentas de libro-servo de H. E. F. 1982

| | | |
|---|---|---|
| Existencias al 1 de Enero de 1982 | | 218.122 pts. |
| Ventas realizadas en 1982 | 464.897 pts. | |
| Valor precio compra | 361.335 pts. | |
| Beneficio Bruto | 103.562 pts. | |
| Gastos generales (papel, sellos, etc.) | 29.083 pts. | |
| Beneficio Neto | 74.479 pts. | |
| Entregado a Tesorería de H. E. F. | 40.000 pts. | |
| Beneficio Final | 34.479 pts. | 34.479 pts. |
| Existencias al 31 de Diciembre 1982 | | 252.601 pts. |

| | |
|---|---|
| Existencia en Material | 225.138 pts. |
| En Caja de Ahorros Popular | 8.824 pts. |
| En Caja Postal | 18.464 pts. |
| En Metálico | 175 pts. |

Valladolid, 31 Diciembre 1982

Vº Bº
M. R. URUEÑA
(Presidenta de la F. E. E.)

José GONZALEZ SUAREZ
(Encargado de Libro-Servo)

# ALEKSANDRO PETRO MARQUETA ROY

## Modelo de esperantisto, modelo de homo

la ombro de tristeco kaj ĉagreno pezas sur la Organiza Komitato de la 43-a Kongreso de H. E. F. kaj 75-a Jubileo de «Frateco». Tiu, kiun oni elektis kiel prezidanton de tiu Komitato, baldaŭ mortis, lasante ĝin orfa. La sperto, entuziasmo kaj kapablo de nia samideano Pedro, estis pli necesa por ni ol iam ajn antaŭe. Li estis ja modelo de esperantisto, kiel sendube li estis ankaŭ modelo de homo. Prijuĝu vi mem, konsiderinte jenajn ĉefajn trajtojn de la vivo de nia samideano:

A. Pedro Marqueta Roy naskiĝis en Zaragoza la 3-an de Majo de 1911-a kaj venis en la mondon en laborema etoso. Lia patro havis ŝufabrikon kaj estris ĝin. La filoj kunlaboris streĉe kaj laboreme kun la patro, samkiel la laboristoj mem. Ekde sia juneco li amis la naturon kaj konsekvence li baldaŭ aliĝis al skoltismo kaj partoprenis en diversaj Kampadejoj, jen naciaj, jen internaciaj. Dum tiuj ĉi lastaj, li spertis izolecon sekve de diverslingveco, sed baldaŭ li trovis la solvon kiam li eksciis pri lingvo internacia nomita Esperanto.

Post unu el tiuj internaciaj kontaktoj, reveninte hejmen li serĉis kie li povus lerni tiun lingvon. Tiamaniere li kontaktis unuafoje kun la Esperanta Societo «Frateco» de Zaragoza, en la jaro 1929-a.

Li lernis la lingvon, kaj kiel multaj el ni, baldaŭ li sentis la bezonon ekrilati kun la tuta mondo, kio fariĝis kutima en lia vivo, ĉar li havadis ĉiam korajn rilatojn kun samideanoj de multaj landoj. Inter la unuaj korespondantoj, iu estona knabino nomita Flora Siibert, kiu legante la anoncon de la juna hispano, respondis al li por interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn, sed... inter tiuj poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn enmiksiĝis koraj sentoj, kiuj formis inter ambaŭ nevideblajn fadenojn.

Dume, li dividis sian tempon en tri difinitajn agadojn: fabrikado, Esperanto kaj skoltismo. En la fabriko, li laboris kaj efike helpis la patron; pri Esperanto kaj skoltismo, li baldaŭ faris el ambaŭ unu solan, ĉar en la Esperantaj medioj li konigis la skoltisman ideon, kaj en la skolta tiun Esperantan; jen kial en nia societa organo «Nia Vivo» aperis pluraj artikoloj kiujn li verkis, kaj en la skolta Centro li gvidis kurson de Esperanto. Logike do li estis Agento de Skolta Esperantista Ligo en Hispanujo.

En la Budapeŝta Ĵamboreo, de la 2-a ĝis la 16-a de Aŭgusto de 1933-a, nia amiko Petro kaj la estona junulino Flora, koincidis en tiu okazaĵo kaj interkonatiĝis persone unuafoje, kaj tiel, kio unue estis reciproka simpatio, transformiĝis en alian senton pli profundan kaj intiman.

Pri tiu ĵamboreo, nia samideano Marqueta, verkis interesan artikolon en nia societa organo «Nia Vivo» kiun li titolis «Ĉu Esperanto estas vere praktika lingvo?» En ĝi li rakontis kiel en Budapeŝto, li invitis sian malnovan estron de Malagaj skoltistoj —kiu estis skeptika pri la utilo de

Esperanto— viziti la tendaron de skoltaj esperantistoj, kie la invitito kaj aliaj skeptikuloj konstatis, kiel tute flue kaj facile, Petro kaj Flora konversacias malgraŭ siaj lingvodevenoj, same kiel kun ĉekoslovakoj, germanoj, svedoj, k.t.p.

Estas ja nenecese aserti, ke tiuj vizitintoj, plena konvinkitaj, estis por ĉiam adeptoj de nia internacia lingvo.

En Januaro de 1935-a, mortis la patro de nia amiko Marqueta, kaj en tiu jaro mem, «Frateco» kunvokis Literaturan Konkurson. Samideano Marqueta atingis du premiojn: duonpremion al la unua Temo sub lemo «Poŝtkarto», kaj premion al la tría Temo sub lemo «Espero» publikigitan en la Aprila numero de «Nia Vivo».

Intertempe, la amikeco de Petro kaj Flora transformiĝis en veran amon, kaj ili projektis kuniĝi en Berlino, okaze de la Olimpiado de 1936-a, kaj post ĝi, veni ambaŭ kune al Hispanujo. Estis decidite ke li eliru el Zaragoza la 21-an de Julio, sed tute neatendite, inter ambaŭ, stariĝis nevidebla muro netrapasebla: la hispana milito. Li devis resti dum tiuj jaroj sur hispana tero, kaj kiam la milito finiĝis kaj nova projekto estis preparota, eksplodis la dua mondmilito, kaj la problemoj tiam multobliĝis: estis ja preskaŭ neeble sukcesi, sed Amo ĉion povas kaj Petro kaj Flora atingis la celon. Estis vera Odiseado: ŝi devis flugi unue al Stokholmo, de Stokholmo al Berlino, de Berlino al Munkeno, de Munkeno al Venecio, de Venecio al Romo, de Romo al Barcelono kaj de Barcelono al Zaragozo.

Malhelpojn ŝi trovis ĉie, sed ĉiuj estis finfine venkitaj. La 21-an de Julio de 1940-a ili geedziĝis en nia urbo Zaragoza. La unua lingvo por ambaŭ geedzoj kaj la gefiloj kiuj alvenis siatempe, estis Esperanto.

Ĝismedola esperantisto, Petro neniam ĉesis aktivi por nia afero malgraŭ siaj devoj de familia estro: li vojaĝis eksterlanden, partoprenis en diversaj Esperantaj Kongresoj, naciaj kaj internaciaj, kaj en «Frateco» okupis estrarajn postenojn pli kaj pli respondecajn.

En la jaro 1949-a, li kaj Fernando de la Puente, kun tri aliaj samideanoj, fondis la Katolikan Esperantan Hispanan Asocion, en kiu li vigle laboris.

Memorinda estas lia organiza laboro de Prezidanto de la O. K. K. de la 15-a Hispana Kongreso okazinta en Zaragoza de la 20-a ĝis la 24-a de Julio de 1954-a kaj tute same meritoplena, lia organizado de la 26-a Kongreso de I.K.U.E. okazinta ankaŭ en Zaragoza en la jaro 1956-a. Li oficis tiam kiel Sekretario kaj S-ro de la Puente kiel Prezidanto, ambaŭ ŝarĝinte sur sin tiel grandan respondecon.

Du jarojn poste, jam kiel Prezidanto de Frateco, li organizis la celebradon de la neforgesinda 50-a Jubileo de nia Societo. Tiuokaze oni eldonis eksterordinaran numeron de «Nia Vivo», la societa organo ne publikigita post 1936-a.

Lastatempe, li, partoprenis en diversaj Esperantaj Seminarioj organizitaj en «Frateco», kaj prezentis en ili diversajn tezojn pri gravaj temoj kiuj estis unuanime aplaŭditaj.

Finfine, Petro estis elektita por prezidi la O. K. K-on de la 75-a Jubileo de «Frateco», kaj kune, la 43-an Kongreson de H. E. F. okazontan je la proksima Julio de 1983-a; tiam akuta kormalsano

tranĉis la vivon de tiu, kiu sendube estis unu el la plej elstaraj esperantistoj de nia Movado.

Tiuj samideanoj kiuj ankoraŭ ne konis nian karan Petron, leginte mian kroniketon, povas sendube jam percepti, kial mi diris je la komenco de tiu ĉi artikolo ke, nedifinebla tristeco pezas sur la O. K. K., kaj ankaŭ sur ni, liaj amikoj. Ne, ne estas facila eltrovi dum nia vivo homon kun tiel altaj kvalitoj kiel tiuj, kiujn posedis Pedro Marqueta. Aserti ke li estis modelo kiel esperantisto estas ja precizigi veron. Certigi ke li estis modelo kiel homo, estas iamaniere, mezuri la karatojn de homa spirito, kaj tio estas, kion ni spertis dum nia kunvivado kun li, ĉar sincera, nobla kaj bonkora estis, nia samideano Pedro Marqueta Roy.

**Fernando de la Puente**

---

# 68-a Universala Kongreso de Esperanto

## (Budapeŝto 30-a de Julio 6-a Aŭgusto 1983-a)

La ĉi jara Universala Kongreso okazos en la granda **Sport-Palaco** de **Budapeŝto**.

La Alta Protektanto de la U. K. estas s-ro Sándor Gaspar, Vicprezidanto de Hungario kaj Prezidanto de la Monda Federacio de Sindikatoj. De antaŭlonge li estas tre favora al Esperanto.

La Kongreso havos kiel ĉefan temon: «**Sociaj kaj lingvaj aspektoj de la moderna komunikado**».

La nuna jaro estis proklamita de U. N. kiel **Monda Komunika Jaro**, tial U. E. A. elektis la menciitan temon por la Universala Kongreso okazonta en la ĉefurbo de Hungario.

Dum la solena inaŭguro de la kongreso, s-ro Richard E. Butler, ĝenerala sekretario de la Internacia Telekomunika Unio, prezentos la enkondukan prelegon.

La ĉijara Universala Kongreso traktos sian kongresan temon pli profunde ol kutime. Dum la kongreso oni traktos en apartaj sekcioj la rilatojn inter la teknikaj, sociaj kaj lingvaj aspektoj de la komunikado.

La prestiĝa esperantlingva periodaĵo «HEROLDO DE ESPERANTO» en sia № 4 (1.711) aperigis kvarpaĝan suplementon kun tre interesaj informoj pri la kongreslando, redaktite de s-ro Vilmos Benczik.



# KONTRASTOJ PRI LA VIVO KAJ LA MORTO

**Poemo dediĉita al s-no Ramón MOLERA PEDRALS, okaze de lia forpaso**

En la misteron de la mort' ni dronas,
malgraŭ ke ĝia hodiaŭa masko
rikanas ĉie entrudiĝe. Konas
ni ĝin neserioze, kaj per fasko

da krizantemoj ni ĝin volas flati
subaĉetante nin. Sed la mistero
elstaras plue por la homon gvati
el frida sentenciĝ' de l' efemero.

Kien la vivo? Plena je klopodoj,
ĝi glitas al senfundo. Sed ni staras,
ofte, senhelpe inter laĉaj nodoj
de kaptiteco. Kaj la mond' avaras

nur pro trezoroj iluziaj, vanaj;
pro mil revadoj de la vent' susura;
pro la solec' de noktoj diafanaj
aŭ fantazi' dum liberec' enmura.

Plie, troviĝas ni en labirinto
el duboj dornoplejan, senkompataj.
Ni volas alten flugi, ĝis la pinto
de niaj feblaj povoj kontraŭfataj.

Kien la morto? Pikas la demando.
Sed abstraktigas ni la rezonadon
plej simplan, forŝovante ĝin al rando
de profundaĵo laŭirante padon.

La necertec' fariĝas, ja, realo.
Mistero, kaj argumentado fakta.
Sur ni minacas fulma vertikalo
kaj ni ebrias antaŭ nokto ŝakta.

Nur kredo savas nin, malgraŭ ke ĝi
estu pagana - sed sen artifiko.
Super la mort' ni, tiel, povas reĝi
transcende al la viv'. Ĉu ne, amiko?

**Gabriel MORA i ARANA**

# BLANKAJ PAPILIOJ

Jen kelkaj, eble la plej mallongaj «Leterpecetoj» el tiu eta, sprita kaj amuza verko «Blankaj Papilioj» de Jacinto Benavente (1.866-a-1.954-a), kiu en 1.922-a ricevis Literaturan Nobel' Premion.

Per tiu verketo kaj per «Virinaj Leteroj» li satire kaj ironie prezentas la kutimojn, parolmanieron, k.t.p., precipe de la aristokrataro kaj la altaburĝaro.

* * *

Luiza edziniĝas. Jonjo edziniĝas, ĉiuj geedziĝas... Escepte ni.

Vi jam scias, ke mi ne havas alian volon ol la vian, ĝuste pro tio via volo devas esti neniam kontraŭ mi.

* * *

Ĉu vi diras, ke vi amas min tiom, kiom mi amas vin? Mi tro bone scias ke vi amas min tre malmulte.

Ci ne venu al mi hodiaŭ, ĉar morgaŭ mi iros konfesi.

* * *

Ĉu do vi faros kion mi faros? ĉiam vi faros ian malsaĝaĵon.

* * *

Proksima aŭ lontane! De kie, ne gravas. De kiu, estas grave.

* * *

Kion vi deziras ke mi sugestu al vi? Tre senhonta kuracisto, amiko mia, asertas, ke la plej bona medicinaĵo kontraŭ la malvarmumoj estas la lito.

* * *

Tre bone mi scias, ke ni, la virinoj kutime amas tiun, kiu malpli meritas

esti amata: ĉar virinoj preferas doni almozojn ol premiojn.

* * *

Ĉu vi vere ne estas mia unua amo? Imagu multajn amojn formantajn en mia kor' amaseton. Enestas multaj, ĉu ne? Sed, kiu estas la unua, tiu, kiu kuŝas sub ĉiuj aŭ la lasta kiu lokiĝis supre?

Stultulet' de mia animo! Ĉu vi ne vidas ke la via estas la unua?

El la hispana tradukis **Georgo Kamaĉo.**

# MODIFICACIONES AL DIRECTORIO

## ALTAS

ALICANTE 2.677.—Menchero de Frutos, Luis; Padre Mariana, 46, 5º d. p.
NOVELDA (Alicante) 2.663.—Palomares Mallebrera, M.º Dolores; Alicante, 31.
BARCELONA 2.678.—Aguado Calleja, Jerónimo; Apartado 2.469.
MOLLET (Barcelona) 2.669.—Colomé Viñallonga, Lourdes; Palandarias, 46.
JIMENA DE LA FRONTERA (Cádiz) 2.667.—Martín, Leslie A; Llanete, 5.
GUADALAJARA 2.661.—Marin Tapia, Pedro; Ferial, 25 1º A.
HUESA (Jaén) 2.665.—Uceda Flores, Antonio; Nueva, 15.
LERIDA 2.672.—Morales del Río, José; Virgen Blanca, 22.
BECERREA (Lugo) 2.679.—Soto Alonso, Jesús; Carlos III, 20.
MALAGA 2.660.—Arquillos López, Angel; Apartado, 354.
CARTAGENA (Murcia) 2.666.—Cardona Oliver, Angel; Apartado, 68.
SEVILLA 2.662.—Gilpérez Fraile, Luis; Apartado 7.131.
SORIA 2.674.—Abajo Dios, Margarita; Avda. Valladolid, 3, 3º D.
SORIA 2.675.—Perdiguero Camara, Julián; Francisco de Soto, 10 1º B.
TORREDEMBARRA (Tarragona) 2.664.—Mir Brun, Cayetano; Cami de l'Era C-3 2-2.
VALENCIA 2.673.—Romero Aguirre, Marisol; Dr. Sanchis Bergón 11 d. p. 8.
BILBAO (Vizcaya) 2.671.—Alonso Villegas, Lucas; Alda. Dr. Areilza, 54 4º d.p. 10.
ZARAGOZA 2.668.—Bielsa Vispe, Joaquín; Sanclemente, 6 3º A d.p. 1.
ZARAGOZA 2.670.—Sobrino Utrilla, Gregorio; Escosura, 46 6º C d.p. 5.

## BAJAS

| | |
|---|---|
| ALCOY (Alicante) | 2.537.—Candela Payán, Juan José |
| BARCELONA | 1.906.—Devis Pascual, Rafael |
| | 2.351.—Fábregas Bargallo, Miguel |
| | 2.497.—Llao Joval, Teresa |
| | 2.473.—Llovera Colom, Santiago |
| | 2.299.—Martínez de la Fuente, Rafael |
| | 2.130.—Rofes Mestre, José |
| | 555.—Vilella Ruiz, Escolástico |
| CORNELLA (Barna) | 701.—Ayats Rius, Juan |
| SAN ANTONIO DE VILLAMAYOR (Barna) | 787.—Genis, María |
| SABADELL (Barna) | 876.—Abante Brujast, Rosendo |
| | 2.368.—Canovas, Carme. |
| | 2.499.—Serrano Ferigle, María Angela |
| TERRASA | 1.753.—García Martínez, Juan |

| | |
|---|---|
| VILLANUEVA Y GELTRU (Barna) | 1.910.—Toledano González, Rafael |
| | 2.421.—Tonda Martí, María Teresa |
| LA LINEA (Cádiz) | 2.494.—Moreno Castilla, José María |
| CASTELLON | 2.556.—Beas Pérez de Tudela, José |
| CORUÑA (La) | 2.559.—Portal Hernando, María del Carmen. |
| EL FERROL (La Coruña) | 2.240.—Grupo «Verda Stelo» |
| GERONA | 1.446.—Gencher Xirgo, Enrique |
| CADAQUES (Gerona) | 1.219.—Borrat, Ceferino |
| ARMENTERA (Gerona) | 432.—Armengol Vergés, José |
| ALCUBIERRE (Huesca) | 1.816.—Pérez Palacios, María Trinidad |
| MADRID | 2.441.—Alvarez Suárez, Eduardo |
| | 2.186.—Requena González, José |
| | 2.205.—Silva de Castro, Jesús |
| LUMBIER (Navarra) | 2.570.—Abaurrea Turrillas. Xabier |
| OVIEDO | 2.046.—López Díaz, Víctor |
| LA LAGUNA (Tenerife) | 1.975.—Ferrer Hervás, Ana María |
| VALENCIA | 109.—Herrero García, Enrique |
| | 1.812.—Herrero Gil, María Lourdes |
| | 2.478.—Madrigal Sáez, Antonio |
| ENGUERA (Valencia) | 2.580.—Calvo Gandía, Gonzalo |
| BILBAO | 1.668.—Ostariz, Juan |
| ZARAGOZA | 1.861.—Clariana Lacruz, José |
| ZARAGOZA | 1.643.—Fillat Zatoya, Miguel |

## CAMBIOS DE DOMICILIO

CORUÑA, LA 1.777.—Díaz Sánchez, Agustín; Salvador y Merino, 1, d.p. 8.
LAGUNA, LA 1.860.—Ferrer Hervás, Antonio; Heraclio Sánchez, 40.
LAGUNA, LA 1.975.—Hervás Navarro, Consuelo; Heraclio Sánchez, 40.
GANDIA (Valencia) 1.439.—Moral López Rafael; Av. República Argentina, 80 1º
ZARAGOZA 1.093.—Benito Cedo, Jaime; Pza. Salamero, 12 d. p.
ZARAGOZA 321.—Salete Tejero, Angel; Cavia, 19-21 pral iz. d. p.

## OMITIDO

VALLADOLID 2.117.—López Nalda, Mauro; José Antonio, 1 d. p.

## CORRECCION DE ERRORES

BARCELONA 373.—Lerroux Torres, José; Almogávares, 60 2º d.p. 18.
VALENCIA 2.623.—Rodríguez Pérez, Francisco; Jerónimo de Monsoriu 20, 3-a d. p. 22.
BURJASOT (Valencia) 145.—Albero García, Restituto; Dr. Moliner, 8 1º.
BILBAO 1.132.—Liceranzu Ortega, Juan; Pintor Aurelio Arteta, 3, 3º B d. p. 4.

## EXTRANJEROS

**38.400 St. Martin d'heres** (Francia)
2.451.—Oliván Guiu, Feliciano; Foyer logement; 25, Place Karl Marx 003.
**6.131 EE SITTARD** (Holanda)
Derks, Wim; Limbrichterstr. 60.
**3.529 MISKOLC** (Hungría)
2.676.—Dudaŝ, Josefo; Engels, 28/8/1.
**PENSACOLA, Fl. 32.511** (U. S. A.)
Waldon, Billy; Box 2.634; EW SCH. NTTC.

# DEZIRAS KORESPONDI

Kun hispanaj gejunuloj pri sporto, vojaĝoj, naturo, k.t.p. 21 jaraĝa junulo. S-ro Mathe Csaba, Varoskuti út 3/B 1.125 BUDAPEST (Hungario).

15 jaraĝa lernantino en dua klaso de gimnazio. Interŝanĝas b. k. kaj p. m. F-ino Erika Kovács, Thallmann str. 22/c 118, **1.131 BUDAPEST** (Hungario).

Pri diversaj temoj, 17 jaraĝa lernanto en tria klaso de gimnazio. S-ro Illés András, Madách ut. 15, **1.046 BUDAPEST IV** (Hungario).

Kun mezaĝaj instruistoj kiuj preferas en ilia laboro la kulturan kunlaboron inter la nacioj, 42 jaraĝa instruistino. S-ino Elizabeto Sift, Pf. 85, 9.401 SOPRON (Hungario).
Kun hispanoj pri filmo, muziko, sporto, modo, turismo, k.t.p. 37 jaraĝa edziniĝinta katolika oficistino S-ino Kalina Wagner, ul. Krosnienska, 26; **60.162 Poznan** (Pollando).

---

# 23-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

Dezirante plue reokazigi la glorajn Internaciajn Florajn Ludojn, kiuj tiel solene prezentiĝis en diversaj urboj de Katalunio kaj la insulo Majorko, Kataluna Esperanto-Asocio invitas la esperantistajn poetojn konkuri per siaj valoraj verkoj en tiu ĉi jara beletra festo kiu okazos en la kadro de la 25-a Kataluna Esperanto-Renkontiĝo en la urbo Sabadell dum la lastaj tagoj de oktobro.
La konkursontoj bonvolu peti la regularon de tiu Beletra Trovadora Festo rekte al la sekretario s-ro Gabriel Mora i Arana, strato Carrió n-ro 7-4º MANRESA, KATALUNIO, HISPANIO.

---

## Senpaga «Medicina suplemento de «Heroldo de Esperanto».

«Heroldo de Esperanto», la plej ofta kaj populara internacia gazeto en Esperanto (fondita en 1920-a) anoncas la aperon de nova Scienca Suplemento.
Temas pri Medicina Suplemento, kun jenaj originalaj studoj:
**«Kiel oni preventu seniliĝon» de d-ro Saburo Yamazoe.**
**«Viro kaj virino: kiamaniere la sekso decidiĝas de d-ro Hideo Shinoda.**
**«Muziko kiel kuracilo de psikaj kaj aliaj malsanoj» de Zofia Banet-Fornalowa.**

Se vi deziras ricevi senpage tiun numeron, pro via propra informo aŭ por propagandaj celoj, petu ĝin per simpla poŝtkarto al **«Heroldo de Esperanto», C/J. Ramón Jiménez, 28, 6º A, MADRID-16 (Hispanio).**



# 43-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




**(Zaragoza 21-a ĝis la 25-a de Julio 1983-a)**
**Ĝenerala Temo de la Kongreso: LA KOMUNIKADO**
**KONGRESEJO: Palaco de Ekspozicioj kaj Kongresoj de CAZAR**

## KONGRESPROGRAMO

**18-an de Julio (Lundo)**
Malfermo de la I-a FILATELA ARAGONA EKSPOZICIO PRI ESPERANTAJ TEMOJ.

**20-an Julio (Merkredo)**
Disdonado de Dokumentoj
Interkona Vespero

**21-an de Julio (Jaŭdo)**
9,30 h. Kunsido de la estraro de H. E. F. kun Delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj.
11,30 h. Inaŭguro de la Kongreso.
Oficiala Foto.
17,00 h. Ekzamenoj (Elementa kaj Supera)
20,00 h. Hispanlingva Prelego pri la Komunikado
22,30 h. Folklora Festo

**22-an de Julio (Vendredo)**
9,30 h. Fakaj Kunvenoj (H. E. J. S., H. E. F. A., I. L. E. I., K. E. H. A.).
12,00 h. Simpozio pri Komunikado
18,00 h. Prelego en Esperanto
19,00 h. Omaĝo al la veteranoj de la E-Societo «Frateco» Arta Esperanta Festo. Teatro
22,30 h. Junulara Festo.

**23-an de Julio (Sabato)**
9,00 h. Vizito al la arthistoriaj monumentoj de la urbo per aŭtobusoj kiel invititoj de la Zaragoza Urbestraro.
13,00 h. Akcepto de la urbestraro al la kongresanoj.
18,00 h. Ĝenerala Kunveno de H. E. F.
21,00 h. Oficiala Bankedo

**24-an de Julio (Dimanĉo)**
8,00 h. Duontaga Ekskurso
17,00 h. Sankta Meso
18,30 h. Simpozio pri la Centjara datreveno de Esperanto
20,00 h. Solena Fermo de la Kongreso.

**25-an Julio (Lundo)**
7,00 h. Tuttaga ekskurso al la Aragona Pireneo: ORDESA